# PENSEO

**N-ro 300**

**okt. / 2016**

Monata Beletra Revueto en Esperanto

Honorita de Premio Grabowski, 1994

**Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 27-a jaro http://www.elerno.cn/penseo/penlisto.htm**


## Guozhu (Ĉinujo)



## Rondcifera Penseo

— okaze de la apero de jubilea n-ro 300

Penseo numeras tri-centa!
Frukto de ĉina verda koro,
sindono, fidela fervoro,
kaj persistemo diligenta.

Rond-cifero iĝas eventa
rekordo en kara memoro.
Penseo numeras tri-centa!
Frukto de ĉina verda koro.

Laŭ zorga observo atenta,
nun pli buntas ĝia koloro.
Sekve pli valora trezoro,
de kunlaboro eminenta.

Penseo numeras tri-centa!



2016-10

## Anteo (Ĉinujo)



## danke al instruistoj

penseo estis lulilo simpla.
en ĝi abocoj kurantojn vidis.
la lalaantaj gajnis inspiron,
vagante inter muzo kaj Muzo.

julio fulme iĝis aŭtuno.
martoj iamaj, maĉante fruktojn
de la arbegoj, nun en la ombro
per siaj semoj dankojn masonas.

tra ŝtormoj, kontraŭ tajdo tentanta
penseo penas stafetkurade.
venas abeloj el sudo, nordo,
el oriento kaj okcidento.

pasis epoko la nigra-blanka.
kolore staras pina penseo.
paperoj flavaj kuŝas en koroj.
en interreto ĝi plu prosperu!

2016.09.10

## Vejdo (Ĉinujo)



## Gloraj tricent paŝoj

*omaĝe al la 300-a numero de Penseo*

Kvazaŭ sur la kruta voj' al mont'
paŝ' post paŝo ni nin trenas pene.
Marŝas ni fervore, vigloplene,
spite al veprobara renkont'.

L' alta cel' videblas en la front'
verda stelo brilas al ni bene.
Ni des pli laboras entreprene,
brave antaŭeniras sen desapont'.

Kvankam malfacilas la irado,
ni persistas en paŝad' senĉesa
por nia verda literatur'.

Penseoj pasintaj en parado
nin alvokas al iro progresa
plue al labor' por E-kultur'.

25-09-2016

## Maria Nazaré Laroca (Brazilo)



### Pretendo

Estas ribelemaj poemoj,
senhejmaj, senpoeziaj,
kiuj sentime manifestacias,
ĉe postmodernaj retoj,
malestimante ritmojn kaj rimojn
kaj vortojn evidentajn.

Ankaŭ estas tiuj, kiuj spiras
larme pro estinta
tempo, kiu mortvivas
tra pasema nuno.

Multaj aliaj konfuzas
sendefendajn vortojn
ĉe l' areno sentima
de kaprioloj frenezaj.

En tia barel' da sencoj,
mi ĉion lernas kaj perdiĝas
esperante, ke miaj versoj naivaj
estos pacaj semoj almenaŭ
sur la malkvieta grund' de l' anim'
de miaj legontoj iamaj.

Juiz de Fora, 28/08/2016

### Konscio

Kaj iam estis lanĉita
eta semo el lumo
en l' arenon de libervolo.

Kaj ĝi mallumiĝis kaj kreskis
egoisme kaj malhumile,
neante la Ĝardeniston,
malgraŭ Lia ĉeesto.

Sed inter dornoj kaj plumoj,
en la fandujo de l' tempo,
la kreito provadas

La naivan geometrion
de pasanta birdo,
kaj la defio de l'arbo,
kiu flugas kolore
sen la lokon forlasi.

Libereco ankaŭ doloras.



Juiz de Fora, 12/08/2016.

## Cezar (Germanujo)



### Aŭtuno

Se en aŭtun' foliofalo
ĝojigas nin per bunta vest',
promenas ni laŭ festobalo
preter la lago kun modest'.

Ni tenas ambaŭ nin ĉemane
eĉ eksilentas pro ador',
ni pensis hejme jam ne vane:
ke Sun' penetros ĝis la kor'.

Remistoj remas tre proksime,
ĉe arb-ale' sub borda rand'.
Jen la foliaj akvareloj
orlumas kiel foliant'.

Ni ekebrias de l' koloroj,
ni vadas tra flamanta mar'.

Somero pasis, belaj horoj.
Foli-susuras jam la jar'.



## LERNU ESPERANTON

Lasu lingvan vanton.
Lernu Esperanton.

Lingvo, dua en potenco,
estas monda konsekvenco.

Ĉar ĝi en la mond' radikas,
ĝi progreson jam implikas.

Homoj de la tuta tero,
lernu por pli alta sfero.

Komunume ekparolu,
pace en la mondo rolu.



## Ĉeriza flortempo

Ni, kiel juna paro,
ruĝiĝis jam pro vort'.
Ni kisis nin sen tord'
kaj preskaŭ sen komparo.

Mi devas ne mensogi,
vi estis ĉarmulin'.
Vi sciis min forlogi,
ridete tiris min.

La ĉasto pro hontemo
en tiu arbflortemp'
ne estis fenomeno,
sed parto de l'printemp'.

Pro tiu am' rapide
frapegis nia kor'.
En tendo kun furor'
ni tuŝis nin konfide.

Vidante ĉe la reloj
florblankon en la vent',
ni sentis nin pro l' splend'
parencaj al anĝeloj.

Necesis eĉ ne revoj.
Miraklis ĉiu tag'.
Ni ŝvebis laŭ imag'
dum la ĉerizflorkrevoj.

***PS:*** *Eĉ multajn jarojn poste ni volonte pensas plu pri tiu nia anĝeleca tempo inter multaj blankaj ĉerizfloroj, kiam ni troviĝis kvazaŭ en ŝvebanta stato, ĉiam duonon de metro super la tero.*

## Paŭlo Silas (Brazilo)



## MEZE DE

Nebulfarita figur' alpaŝis.
Ian parolon, en buŝ', ĝi kaŝis.
Laŭ l' aeroflu',
Sur la riveromezo.
Ho, prema hipotezo!
Ĉu sekreton? Ĉu?

Riversurfac'. Apenaŭa tremo.
Silentopeto silenta. Sceno
Ion atendanta.
Kaj, kun silentfrenezo,
Sur la riveromezo!
La estaĵ' giganta:

He, animhavaj vivantoj de la Tero!
Vi, kies korojn koruptis la malklero.
Min ekaŭskultu rapide, kun atento!
Ĉar ne mensogon, nek blagan pralegendon

Mi, al vi, baldaŭ rakontos instrucele,
Sed puran plenan veraĵon. Ĉu ŝancele
Ankoraŭ staras vi tie? Ho, homido.
Ĉu, pri mi, dubojn vi havas? Pro trofido,
Alfronti fortojn malbonajn vi ne povos.
Mi diras kaj reasertas: filozofos
Ĉiuj ventkapaj estuloj de l' Homaro.
Ili, pro tiu intenc' entute damna,
Ja nur alvenos al kontraŭvera malo.
Ho, tempoperd'; ho, scienc-metodo vana!

Kuŝis mi sub la genez-vual' tiama,
Kiam komenciĝis homklaĉad' malsana:
*Ruĝa tento! Tentkolora ruĝ' alloga!*
*Rava voĉo! Kia laŭta rav' alvoka!*
*Vol' kaprica kaj neeltenebla, granda!*
*Kial oni daŭre tion nomas vanta?*
*Min oferi sur l' altar' de l' dia ĝuo.*
*Elplenumi kordezirojn kaj, sen skuo,*
*Piediri firmepaŝe al senhonto.*
*De ĉi tiu mia sorto, jen elmontro:*
*Mi renversos la moralon arogantan.*
*Neniigos. Kaj mortigos. Mi forviŝos*
*Kaj faros nobla sintenon iam vantan.*
*Naskiĝantan tempon mi, sur lipoj, kisos!*

Miru kune kun mi, ĉar parolojn pliajn
Mi aŭskultis plu, kaj pli aĉajn, senraciajn!
*Limlinion ni streku for! For la limigoj!*
*For la leĝoj! For ankaŭ nodoj kaj komplikoj!*
*For la estroj! La grupaj solvoj, la tranĉeoj!*
*Tradicio! Sociobazoj! For, armeoj!*
*For, militoj! Interfrap'! For, honor-duel'!*
*Ni strukturon novan kontruas sur la Ter'.*
*Novan pensmanieron. Novan civitanon!*
*For, bariloj ĉiuj! Fiero kaj memamo!*
*Iĝu horizontala, la hierarkio!*
*La decidopovo kapablu plilarĝiĝi.*
*Justosento decidu pri la pozicio*
En la naskiĝanta ord', ĉar prosperos ĝi ĝis...



## Paulo Nascentes (Brazilo)



### URĜA POEM'

la poem' kiun mi ne faras
en kiu urbet'? kiulande? kiu ĝin faras?
kiu miskanzon' gaje staras
brakume en via guitar',
popolo ĉiam lernanta?
la versoj nun kiel taktas?

la poem', kiun mi sufokas
per kiu tambur' gajnas voĉon?
kiuj voĉ-kordoj vibrigos
la perditajn melodiojn
de mia tag' rifuzitajn?

eble en la ĉiel' birdeta
eble en iu ajn ejo eta
Luno lavas la brilon
poste blovas novan brilon
kaj refrenon rime inspiras:
la urĝan sambon de l' popol'
neniu dolor' ĝin forigas!

### Intertempe

intertempe
Vivo... hirundas
cikade zumas
... forfluge skuas

## Takashi Ito (Jananujo)



### junia pluvo ...

pluvi en arbojn ...
silento en la sono
eniras morte

junia pluvo ...
la gutoj faras koron

riĉa libera

sunlumo ŝvebas
sur junia nubaro ...
venu ĉi tien

someraj gutoj ...
ili faladas kaŭze
de flugil-manko



## Manel Sales (Hispanujo)



*Cikadoj mutas*
*kaj hirundoj foriras...*
*Jen gelernantoj!*

## Siv Burell (Svedio)



*Plus kaj plu estos minus kelkfoje*

Du mirindajn amikinojn mi havas
ĝojajn, spiritajn, delikatajn.
Foje mi venigis ilin kune
pensante, ke ili du
fariĝu mirinda duo.

Sed ne, ho ne
ili ne ŝatis unu la alian.
Kial okazas ke plu kaj plus
estos minuso, kelkfoje?



*ilustraĵo de la aŭtorino*

## Kio ĝojigas vin?

Kio ĝojigas vin?
Ĉu anĝelin'?
Ĉu filmo sur kin'
kun feliĉa fin'?
Ĉu glaso da vin'?
Ĉu sana spin'?
Ĉu ĉarma virin'
kun blua retin'?

Malavarec', amikec',
tolerem', ridem',
kaj eta nigra kato
ĝojigas min hodiaŭ.



*ilustraĵo de la aŭtorino*

## Abbas Kiarostami



## Poemetoj

Altaĵon mi timas,
ĉar mi jam falis de alta loko,
fajron mi timas
ĉar mi jam brulis multfoje,
mi timas disiĝon
ĉar mi jam suferis multe,
sed mi ne timas la morton,
ĉar mi neniam antaŭe mortis,
eĉ unu fojon!

***

Ho kiel malfacilas
rigardi la lunon
en soleco!

***

Kie estas nun,

kion faras nun,
tiu, kiun mi jam forgesis?

***

Rompita botelo
plenplena je
printempa pluvo!

***

Vagabonda hundo
skuas la voston
por blinda preterpasanto!

***

Du fiŝoj
kuŝas unu ĉe la alia
sur la blanka lit-telero!

***

Sunfloroj
kun falintaj kapoj
murmuras
en la,kvina sinsekva nubtago!

***

Neniam revenis
riveroj kiuj aliĝis al la maro,
soldatoj kiuj partoprenus en la milito
kaj kamaradoj kiuj iris al
fremda lando!

***

Novkreskantaj herboj
ne rekonas
la maljunajn arbojn!

***

Tra la fendo de la pordo
envenas kaj frida vento
kaj la lumo de la luno!

***

Ho ve,
mi ne estis bona gastiganto
por la unua neĝero,
kiu sidiĝis sur mia okulharo!

***

Mi trapasis
nubokovritan ĝangalon
ekde blua monto
ĝis la blua maro
kaj ankoraŭ
mi estas malĝoja!

*Esperantigis*



## Mori (Usono)

# Kampar'en braĝo

(kantteksto)

La varmego de l' kamparo
kvazaŭ fajro sur la ter'
min igis diri al Di' ĉiela
"Ĉu ne sufiĉas tia sufer' ?"

Kia braĝar', ho ardejo,
la plantej' sen verdsignal'.
Sen akvo perdis mi la brutaron,
pro soif' mortis mia ĉeval'.

Ĉe l' vid' ke unu post unu
ĉiuj birdoj fuĝis for,
mi diris, Roznjo, ankaŭ mi iru,
ke restu de mi mia memor' .

Tiel for en ĉi distanco
mia trist' ŝajnas sen fin' ,
mi nur esperas ke baldaŭ pluvu
por ke ni povu renkonti nin.

Kiam via okulverdo
disos sur nia kampar',
vi ne plu ploru, karina mia,
al via kor' mia iĝos par'.



*elportugaligis*



## Ŭel Roŝa (Brazilo)

## Bedri Alimehmeti



### Miaj poezioj

Tion diras
Viaj malvarmaj okuloj
Per siaj glaciaj rigardoj.
Tion diras
La grimacantaj ridetoj,
Ĝermintaj sur la viaj nigriĝintaj lipoj.
Tion diras
La grincado de viaj vermiĝintaj dentoj,
Malantaŭ viaj viperlangoj.

Ĉi tion mi ja bone scias:
Miaj poezioj neniam publikiĝos.
Doloras mia koro,
Vidante ilin dormi
Delonge en mia tirkesto.
Sed, fieras kaj feliĉas ja mi,
Ke neniam kaj neniel,
Mi skribis tion, kion vi volis,
Sed nur tion, kiun sentis la mia animo.



### Kiel mi ne enviu ilin...?

Kiel mi ne enviu ĉi tiujn sunradiojn,
Karesantaj dolĉe vian korpon
Ĉi tiun fulman miraklon de la kurboj
La perfektecon de la frenezigaj linioj.

Brilas vi freŝa kaj travidebla
Viva statuo estas ja vi, diino
Forte eĉ Dio kondamnus min
Se mi ne amus vin, diino mia.

### Mallonga paŭzo

Post la sonorila eĥado,
Foriris la profesoro de la matematiko.
Finfine.
Nia enspirado normaliĝas.
La mallonga paŭzo,
Nur kvin minutojn.
La tuta klaso vigliĝas.

Fisnik malfermas "Fiziko-n".
Bardha ligas la blankan rubandon.
Filloreta malpeze komencas
Luiza, Fata, Nezi kaj Mika
Ŝin akompanas en la kantado.
Mirakle, per sonoj, kvazaŭ papilioj
La klaso pleniĝas la tuta…

### La lasta sonorado

Jen, la lasta lecionhoro finiĝis
Kaj la sonorilo ĵus silentis,
Ĝia tintilado eĥis
Priplore. Kvazaŭ ĝi ne volis,

Kiel mi sciu? Eble, sonori
La lastan fojon por ni.
Ĉu oni estis dirinte aŭ ĝi jam sciis,
Ke neniam plu revidus nin tie.

Ĉiuj foriris, neniu plurestis.
La klaso silentas, kvazaŭ en la dezerto.
Sur la benkoj neniu, nek ŝi, nek vi.
La koro batas, malfacila momento.

*Esperantigis*



**Bardhyl Selimi**

**(Albanio)**

## Zhuangzi (369-286 a.K)



Zhuangzi

## ĈAPITRO SEPA

# Kompetentaj imperiestroj kaj reĝoj

### §07-01

Nie Que metis al Wang Yi kvar demandojn, sed al ĉiu demando Wang Yi respondis, ke li ne scias. Eksaltinte de ĝojego, li iris rakonti tion al Puyizi.

"Ĉu vi nun jam trovis la veron?" diris Puyizi. "La reĝo Shun ne estis egala al reĝo Fuxi. La reĝo Shun ĉiam penis akiri la fidon per la humaneco. Kvankam li jam gajnis la koron de la popolo, tamen li malsukcesis sin liberigi de la ŝarĝo de la homa mondo. La reĝo Fuxi dormis trankvile kaj vekiĝis en senzorgeco. Por li tute ne grave, ke oni nomis lin bovo aŭ ĉevalo. Kun sentoj sinceraj kaj virto vera, li neniam sin ĝenis per la zorgoj de la homa mondo.

### §07-02

Jianwu iris vidi la frenezulon Jie Yu. Tiu demandis:

"Kion Ri Zhongshi diris al vi antaŭ kelkaj tagoj?"

"Li diris al mi," respondis Jianwu, "ke kiam la reganto donas siajn leĝojn kaj ordonojn, regulojn kaj reglamentojn, neniu el la regatoj kuraĝas malobei ilin aŭ rifuzi esti edifita."

"Tio estas falsa virto," diris Jie Yu. "Regi la mondon en tia maniero estas kiel tio, ke oni volas fosi kanalon en la maro aŭ igi moskiton porti monton. Kiam la saĝulo regas super la mondo, ĉu li regas nur super la homaj eksteraj agoj? Li devas unue honestigi la homojn interne kaj poste ilin bonkondutigi ekstere. Li lasas, ke ĉiu faru nur kion li povas fari. Jen ĉio. Cetere, la birdo flugas al la ĉielo por eviti reton kaj sagon; la muso fosas profundan truon sub la altaro por eviti fumsufokiĝon aŭ elfosiĝon. Ĉu la homoj estas malpli inteligentaj, ol tiuj etaj bestoj?

### §07-03

Tian Gen promenis en la regiono sude de la monto Yin. Kiam li atingis la riveron Liao, li hazarde renkontis sennoman saĝulon kaj diris:

"Ĉu mi povus demandi vin, kiel regi la mondon?"

"For de ĉi tie!" respondis la sennoma saĝulo. "Metante tian malagrablan demandon, vi ja estas homo vulgara! Mi estas preta kompaniiĝi kun la Kreinto. Kiam mi tediĝos, mi rajdos sur la birdego de sereneco kaj malpleneco, por foriri el la universo, vagante en la lando de nenieco kaj ripozante senzorga en la senlima spacego. Kial vi venas kaj malordigas mian menson per tiu ĉi sensenca demando pri la regado de la mondo?"

Tian Gen ankoraŭfoje metis la saman demandon. La sennoma saĝulo respondis:

"Lasu vian menson vagadi en la pura naturo, restu en senagado, sekvu la naturan evoluon de la estaĵoj, kaj havu nenian personan volon, tiam la mondo estos en bona regado."

### §07-04

Yang Ziju iris vidi Laŭzi kaj diris:

"Supozu, ke ĉi tie ekzistas iu homo, kiu estas vigla kaj energia, prudenta kaj penetrema, diligenta kaj persistema en la

lernado de la Taŭo. Ĉu tia homo povos esti komparebla kun reĝo saĝa?”

“En la okuloj de la saĝulo,” respondis Laŭzi, “tia homo estas ne pli ol malaltranga regna oficisto enfermita en sia limigita sfero, kiu nur laborigas siajn muskulojn kaj lacigas sian menson. Popoldiro diras: La bela haŭto de la tigro kaj la leopardo allogas la ĉasistojn; la facilmoveco de la simio kaj la sagaco de la hundo kaŭzas al ili nur kaptiĝon. Ĉu tiuj ĉi povus esti komparataj kun saĝa reĝo?”

Yang Ziju embarasiĝis kaj demandis:

“Ĉu mi povus demandi, kiel do la saĝa reĝo regas sian regnon?”

“Kiam la saĝa reĝo regas sian regnon,” respondis Laŭzi, “liaj bonfaroj etendiĝas al la mondo, sed ŝajnas, ke ili ne estas el lia penado; lia influo atingas ĉiujn homojn, sed tiuj ne sentas, ke ili dependas de li; liaj meritoj ne estas atribuitaj al li, sed la popolo ĝuas ilin; li staras vualita en mistero kaj vagadas en la lando de neekzisto.”

*Elĉinigis*



## Wang Chongfang (Ĉinujo)

# Ĉineske

## Zhuang Qixiong (Ĉinujo)



### Akrostika Gratulo al Penseo

—laŭ ĉinesko Tianxianzi*

Penseo kun verdafer’
En eterna versriver’
Naĝas senlace.Kia
Sinofer’!
En prosper’
Odoras ĉinesk-liver’.



** Tianxianzi (Fea kanto): ĉina fiksforma poemo el ses versoj de 7,7,73,3,7 silaboj, laŭ rimaranĝo a,a,xa,a,a (x=senrima)*

## Cezar (Germanujo)



### Folidanc’

— laŭ ĉineska skemo Ku-xiangsi*

Foli’ flugas en la vent’
laŭdance
de serpent’,
ĝojpetolas
eĉ sen iu pent’,
miraklas enaŭtune.
Jen magi’
dum moment’.

Mi observas kun atent’
kun vigla
freŝa sent’
kaj eŭfori’
la ludon de l’ vent’.
La lumo min ensorĉas.
Folidanc’,
kia splend’.



**Ku-xiangsi (profunda sopiro): ĉina fiksforma poemo el du samaj strofoj kun po 8 versoj de 7,33,45,733 silaboj, laŭ rimaranĝo a,xa,xa,xxa (x = senrima)*

## Jadranka Miric (Serbujo)



### Somera kanto

—laŭ ĉinesko Sopir-al-sudo*

Somera
ĉiel' flamanta
pro arda sunsubiro.
Okcidente ruĝanta,
sun' sin kaŝanta.

Sur ĉiel'
krozas nubetoj
vestitaj ruĝkolore.
Pozas nuborozetoj
al vi, poetoj.

La lasta
sun' okulsigno,
antaŭ vesper' malhelo.
Ŝanĝas ĝin okulsigno
de ĉiel' cigno.

Ariĝis
steletoj brile.
La plej brilas norda stel'.
Marvojon montras ile,
ja, lumradie.

Jen, Luno
malsupreniras.
Ĉe lignokaban' sidas
radie ĉaron tiras.
Lampiro miras.

**Sopir-al-sudo: ĉina fiksforma poemo el kvin versoj de 35,77,5 silaboj laŭ rimaranĝo xa,xa,a (x=senrima).*



## Klavdija Grebenŝĉik

### Hundeto Bomka kaj kateto Markiz

Marina ne ekaŭdis, sed konjektis, ke oni frapas, tia mallaŭta estis frapado. Ŝi malfermis pordon. En sojlo staris ŝia filo Miŝka. Rigardo de liaj grandaj okuloj estis timema kaj petema samtempe. Per manoj li alpremis al si malgrandan vilan hundidon.

– Nu venu pli rapide, vi povas enlasi malvarmon! – patrino entiris filon el koridoro kaj fermis pordon.

– Panjo, – peteme li diris, – ĉu vi ne forpelos ĝin? – liaj brovoj kuntiriĝis, kaj rigardo iĝis petegema.

Marina ridis kaj prenis hundidon je manoj. La varma kaj mola buleto nelerte baraktis en ŝiaj manoj kaj konfideme alpremiĝis al ŝi. Koro de Marina ektremis pro kompato, kaj sorto de hundido estis decidita. Rigardinte okulojn de panjo Miŝka komprenis ĉion kaj faciligite ekspiris.

– Kie vi trovis ĝin? – Marina demandis fiksrigardante hundidon kaj provante difini – ĝi estas knabo aŭ knabino.

– Bone. Kiam venos patro, ni decidos, – ŝi diris.

– Oj, ĉu paĉjo insultos? Kiel vi pensas? – Miŝka ekmaltrankviliĝis, dum tumulto forgesinte, ke li ankaŭ devas ricevi konsenton de patro, tial ĉefa batalo ankoraŭ estos. Miŝka malĝojis kaj diris:

– Oni jam forpelis ĝin el hejmo, kaj estos tre ne justa, se ni ankaŭ forpelos ĝin el nia hejmo, – ĉi ĉion li parolis al ŝia nuko, ĉar ne povis trairi antaŭen en mallarĝa koridoro de loĝejo inter sia korpulenta panjo kaj muro.

Fine li faris tion kaj daŭrigis sian rakonton rigardante ridetantan vizaĝon kaj sentante ŝian tutan apogon:

– Jen mi ekvolis iri al hejmo, ĉar komencis pluvo, kaj vento estis malvarma. Subite mi ekvidis apud angulo de apoteko knabon kun tiu hundeto. Panjo, li staris kaj ploris, ĉar lia panjo volis havi neniun hundon kaj forpelis ilin el hejmo ordoninte al li reveni al hejmo jam sen hundo! Kaj jen la knabo staris kaj proponis la hundeton al preterirantoj, sed neniu volis preni ĝin… – Miŝka silentis kaj ree sentis malĝojon kiel tiam, kiam li staris de flanko kaj observis liajn vanajn provojn doni al iu hundidon.

– Sed vi certe kompatis ilin kaj konsentis preni ĝin al vi, – panjo daŭrigis rakonton de Miŝka verŝante en telereto lakton. Hundido komence pikis per vizaĝeto al diversaj lokoj kaj poste droniginte nazon en lakto glutsufokiĝante kaj ternante komencis avide trinki.

– Oj, kia li estas malsata, ĉu vi vidas? – Miŝka ekkriis. – Donu al ĝi ankoraŭ lakton!

Marina aldonis lakton. Hundido nemulte manĝis, deiris de telereto kaj haltis. Sub hundido aperis negranda flako.

– Tio estas bagatelo, oni nur devas submeti ĵurnalon, kaj poste ĝi lernos iri pisi al korto. Ja ĝi nun estas ankoraŭ malgranda, – Miŝka pravigis hundidon. Marina ekspiris tuj kompreninte, ke nun ĉe ŝi estos pli multe da laboro, kaj ke ĝenerale ŝi devos okupi sin pri hundido.

Akra sonoro de pordo interrompis ŝiajn pensojn pri novaj problemoj. Miŝka kuris malfermi, kaj Marina ekaŭdis ridon de filino poste ia bruo kaj voĉon de Miŝka:

– Ne, komence vi devas diveni, kiu aperis ĉe ni!

Pro atako de pli granda forto Miŝka falis sur planko, kaj Sonja alkuris al kuirejo kaj ekvidinte neniun krom panjo turnis sin al frato:

– Kie, kiu? Vi ree elpensis ion!

– Estu atentema, vi povas dispremi! Vi estas ventego sed ne knabino! – Marina ekkriis eltirinte antaŭen manojn.

Nur nun Sonja ekvidis hundidon. Ŝi admiris kaj kaptis ĝin je manoj kaj komencis skui kaj palpi.

– Donu al mi, forlasu! – Miŝka ekkriis kaj pendiĝis sur mano de fratino.

Marina forprenis hundidon kaj klarigis al infanoj, ke ĝi estas ne ludilo sed viva animo, kaj ke se ili prenis ĝin al hejmo, do ili devas gardi, nutri ĝin, promeni kun ĝi. Sed ili ne devas porti ĝin kiel pupon je manoj.

Dum tiu tumulto ili ne ekaŭdis, kiel patro malfermis pordon per sia ŝlosilo kaj subite aperis en sojlo de kuirejo.

– Pro kio estas tia bruo? – patro ŝercis kun rideto rigardante sian familion.

Ĉiuj silentis timante diri pri hundido, ĉar ili ne sciis, kiel li reagos – karaktero de patro estis severa. Sed li jam mem rimarkis hundidon, kaŭris kaj prenis ĝin je manoj.

– Kia hundido estas belulo! – patro diris. – Ŝi estas knabino! – li konstatis. – Kiu alportis?

– Mi! – Miŝka kuraĝiĝis. – Ni elpensu por ŝi nomon, – li rapide diris ĝojinte, ke patro ne forpelis hundeton, kaj provante afabligi lin, por ke li ne ŝanĝu sian decidon. – Mi proponas nomi ŝin Bomka, ĉar ŝi estas vila kiel lana globeto sur ĉapo[1] de Sonja. Kaj rigardu, kiajn ŝi havas grandajn rondajn okulojn – nu kiel Ĉeburaŝka[2]!

– Bone, ŝi estu Bomka! – ĉiuj amike konsentis, kaj ĉiuj disiris laŭ loĝejo: patro iris ŝanĝi veston, Sonja iris al infanĉambro, kaj Marina kaj Miŝka ankoraŭ longe preparis lokon por Bomka en koridoro inter vesthokaro kaj malvarmigejo.

Kun apero de Bomka vivo iĝis pli gaja, kvankam kaj antaŭe oni ne povis diri ke loĝas enue. Marina ŝiriĝis inter laboro, starado en vicoj, bazaro, konstanta lavado,

kuirado, lernejo, batalo de filino kun gamoj – oni ne povas trakalkuli ĉion! Plej malmultaj klopodoj estis kun Miŝka – li ankoraŭ vizitadis al infanĝardeno. Nun sub piedoj ankaŭ kuris Bomka, kiu ĉie lasis post si flaketojn kaj ion pli malagrablan… Brila pargeta planko kovriĝis per malbrilaj makuloj. Sed oni ĉiam pardonis ŝin, ĉar ĉiuj tre amis ŝin. Ŝi estis tia amuza, ke rigardane ŝin oni ne povas ne rideti. Bruna, kun hele brunaj makuloj, vila ŝi ride starigis piedojn, nemulte al flankoj, kiel Charles Chaplin[3]. Ŝia vizaĝeto estis plata, okuloj estis grandaj, brunaj, kaj helaj okulgloboj havis bluan koloron. Ankaŭ Bomka bone komprenis ĉion: ŝi rapide lernis doni piedon, iun serĉi, stari sur malantaŭaj piedoj kaj aliajn amuzajn hundajn komandojn.

Kvanto de anoj de familio pligrandiĝis ne nur pro Bomka. Post monato Miŝka alportis malgrandan grizan katidon.

– Nu vi perdis kapon! Ĉu ni bezonas ankaŭ katon?! – atakis lin Marina. Bomka ankaŭ bruiĝis, staris sur malantaŭaj piedoj kaj komencis salti provante atingi la nekonaton.

– Panjo, vi kaj paĉjo delonge parolis, ke ni devas havi katon kontraŭ musoj. Ĉu vi forgesis, ke en nia hejmo estas musoj?! – Miŝka kontraŭdiris, por ajna okazo kaŝinte katidon post dorso kaj defendinte sin kontraŭ Bomka.

– Jes, vi estas prava. Musoj estas, kaj tia parolado kun patro estis, – Marina devis konsenti. Sed ŝi ne volis rapide kapitulaci, kaj ŝi ĵetis sin al atako:

– Kiu alportos sablon, kiu ŝanĝos la sablon? Kie ni starigos ĝian skatolon, kie?! Rigardu tiun malvastecon: kuirejo havas du kaj duono kvadratajn metrojn, ja ni manĝas laŭ vico! Sed necesejo? – Marina ekmaltrankviliĝis. – Ni povas nur per antaŭo eniri kaj per malantaŭo eliri! – en ŝia voĉo aperis histeriaj notoj. Verŝajne ŝi tre lacis pro tiu loĝejo, kiu havas "41 kvadratajn metrojn kun ĉiaj oportunaĵoj", kiel laŭdis tiun loĝejon al ili fondintoj de kooperativo, kiam ili tiris loton el ies ĉapo.

Marina rigardis filon kaj silentis: liaj brovoj ree kuntiriĝis, kaj al ŝi ŝajnis, ke li tuj ekploros. Ŝi ĉirkaŭprenis lin kun katido kaj komencis karesi ilin ambaŭ: en unu fojo filon, en la alia katidon, en unu fojo filon, en la alia katidon, ĝis kiam ridigis sin kaj filon.

– Bone. Ni nutru ĝin. – Marina rapide fingrumis vazaron, trovis malnovan telereton, verŝis en ĝi lakton kaj starigis antaŭ katido. Certe Bomka alkuris ĉi tien. Ŝi puŝis katidon, kaj katido falis sur flanko. Miŝka kaptis hundon kaj fermis en alia ĉambro.

– Kiel ni nomos ĝin? – patrino demandis rigardante la maldikan strian kreaĵon. Miŝka atente rigardis ĝin kaj mallonge iris:

– Markiz!

Marina ridis, ĉar povra aspekto de kato neniel konformiĝis al tiu aristokrata rango.

– Kial Markiz?! – tra rido Marina demandis.

– Pro kio vi ridas? – Miŝka ofendiĝis. – Rigardu, ĝi antaŭe havas blankan makulon kiel ĵaboton ĉe markizo! – Miŝka frue lernis legi kaj tuj memorfiksis tralegitan ĉion. Markizon kun ĵaboto li verŝajne eltiris el fabelo "Kato vestinta sin per botoj".

Kaj kiel en unu fabelo ili amike loĝis sesope: paĉjo, panjo, Sonja, Miŝka, hundido Bomka kaj katido Markiz. Bestoj tuj amikiĝis: manĝis el unu telero kaj dormis kune sur unu sternaĵo. Aĝo de Markiz estis nur unu monato, tial li enfosis sin al vila hararo de Bomka kaj alsuĉis al ŝia cico pensante, ke Bomka estas lia panjo-katino. Oni ilin disigis, sed baldaŭ Markiz ree alpremis sin al flanko de Bomka.

Ili estis tre delikataj, ekzemple ili komprenis, ke matene ili devas neniun maltrankviligi. Ili mallaŭte sidis apud pordo

kaj aŭskultis: ĉu Marina vekiĝis? Kaj se ŝi nemulte moviĝis, ili tuj malfermis pordon kaj ĵetis sin al Marina. Bomka lekinte mastrinon je nazo ĵetis sin kun Markiz al infanĉambro por ke veki infanojn, kaj tie komencis ludo, krioj kaj rido. Pene forkurinte el infanĉambro Markiz kaj Bomka kuregis al ĉambro de mastro. Komence oni povis aŭdi nur mallaŭtan grumbladon, laŭtan bojon, kaj poste laŭtan frazon: “Foriru! Oni faris ĉi tie zoon, bestoj malhelpas dormi!” Sed ĉiam venkis ĉarmo de tiu vosta paro, kaj finfine tra laŭta bojo aperis bonkora murmurado de patro.

Foje Marina revenis post laboro kaj en koridoro ekaŭdis ridon kaj admirajn kriojn. Ŝi ĵus eniris al loĝejo, kaj al ŝi kuregis infanojn:

– Panjo, panjo! En nia hejmo estas vera cirko! – ĝoje informis infanoj. – Iru pli rapide, vi vidos, kion ili faras!

Infanoj sidigis panjon sur divano kaj mem sidis apude.

– Mi komprenas nenion, – Marina simulis. – Kia cirko estas ĉi tie? Neniu en ĉambroj estas.

–Ŝ-ŝ-ŝ! – Miŝka almetis fingron al lipoj. – Sidu trankvile, nun ĉio komencos…

Ĉiuj silentis. Subite el sub tablo elsaltis Bomka kaj kuregis laŭ ĉambro. Markiz aperis post ŝi, turnis kapon dekstren-maldekstren al rondoj, laŭ kiuj kuregis Bomka, celis kaj saltis sur dorson de hundo. Dum ioma tempo ili kuregis laŭ rondo kiel en areno de cirko. Dum tio virkato tenis sian voston kiel tubon kaj kriis larĝe malferminte buŝon kun protrudaj okuloj. Poste Bomka deskuis de si virkaton kaj kaptis lin je vosto kaj skuante kapon komencis tiri lin sur planko. Virkato disŝovinte piedojn kaj eliginte ungojn trenis sin sur pargeto zigzage, provis liberiĝi kaj kriis ankoraŭ pli laŭte! Infanoj ruliĝis sur divano pro rido.

– Tio ankoraŭ ne estas fino, – ridante diris Sonja, – nun estos plej interesa artifiko! Ni rigardu!

Komence aperis Bomka, post ŝi Markiz elsaltis kaj kaptis voston de Bomka. Li tiriĝis per ŝia vosto, ĝis kiam al ŝi tio tedis. Ŝi deskuis lin, kaptis lin laŭlarĝe de korpo ĝuste en mezo kaj ree kuregis laŭ ĉambro! Tion oni devas vidi! Katido estis tia maldika, ke preskaŭ tuta lia mezo estis en hunda buŝo. Pro rapido de Bomka Markiz faldiĝis poduone kaj iĝis simila kiel lipharoj de kozako, kiuj kuŝis sur flankoj de Bomka kaj kvazaŭ flirtis pro vento. Virkato certe laŭte kriis, kvazaŭ tion ne ŝatis li, kaj Bomka forlasis lin. Markiz deskuiĝis kaj malaperis. Post minuto li ree aperis kaj ree celis preparante sin por vica salto sur Bomka.

– Ili estas veraj aktoroj! – ridetante diris Miŝka.

– Se Bomka kaj Markiz trafus al cirko, do ili ĉiujn ridigus, – aldonis Sonja.

Efektive kiam infanoj elportis hundidon kaj katidon al korto, ili faris saman tion kun diversaj variantoj, amuzigis infanojn kaj plenaĝulojn.

Sed foje Bomka malaperis. Tio okazis tiel. Ĉe gepatroj de Marina komenciĝis riparo: blankigado de plafonoj, farbado, anstataŭigo de platetoj en banejo, purigado de plankoj. Kaj kiam oni komencis laki plankojn, avo kaj avino por semajno transloĝiĝis al Marina. Iĝis malvaste sed gaje, ĉar avo kaj avino estis junaj homoj, sportemaj kaj certe laborantaj. Kaj jen foje avo veninte post laboro por tagmanĝo forgesis fermi post si eniran pordon. Avo sidiĝis tagmanĝi kaj ne rimarkis, ke Bomka forkuris al korto… Kun apetito prisuĉinte gustan oston kaj lasinte sur ĝi nemulte da viando kaj kartilagoj li alvokis hundon. Aperis nur Markiz. Kutime, kiam oni alvokis la unu el ili, la alia nepre alkuris ankaŭ.

– Ĉu mi alvokis vin? – diris avo al virkato. – Kie estas Bomka? – Markiz murmurante frotiĝis ĉe piedoj de avo petante ion gustan. Subite avo rememoris pri malfermita pordo kaj ĵetis sin al peroneto. Kriinte dufoje: "Bomka!" kaj fajfinte li trairis tutan korton – hundo ne estis. Sur apuda peroneto aperis kortistino Domenika.

– Ĉu vi vidis hundon Bomka? – kun espero li demandis.

– Jes, – ŝi diris. – Larisa, najbarino, eliris el korto, kaj la hundo kuris sekve.

– Kial vi ne haltigis ŝin kaj ne alvokis min?

– Por kio? Ŝi estas via hundo, kaj vi mem devas gardi ŝin.

– Malica virinaĉo! – kun ĉagreno li diris.

Li eliris al strato, trairis laŭ ĝi al unu flanko kaj reen, ne trovis hundon kaj revenis al hejmo kun teruro pensante, kio estos, kiam ĉiuj revenos kaj ekscios, ke Bomka ne estas… Sed li eĉ ne povis imagi, ke reakcio pro malapero de Bomka estos tia tempesta: infanoj ploris, ploris kuŝante sur divano Marina. Paĉjo Saŝa severe silentis, kaj oni povis rigardi avon nur kun kompato, tia ĉe li estis kulpa aspekto. Kaj nur avino, virino forta kaj praktika, rigardinte tiun tutmondan ploron laŭte kriis:

– Silentu! Ĉu vi freneziĝis?! Vi ploras, kvazaŭ iu mortis… Vi ploras kiel malgrandaj infanoj! Vi devas serĉi! Tuj!

Ploro malaperis. Marina viŝis larmojn kaj diris:

– Avino estas prava, ni nur perdas tempon. Ni iru serĉi.

– Ni nun kolektos amikojn kaj kune serĉos! – Miŝka kaj Sonja ĵetis sin al korto.

Estis jam mallume, tial Saŝa kunprenis lanternon. Li vizitis ĉiujn apudajn kortojn, sed Bomka nenie estis. Infanoj ankaŭ ne trovis ŝin.

– Bone. Ni dormu, jam estas nokto, ni serĉos matene. Verŝajne ŝi forkuris ne malproksime sed perdis vojon reen, ja ŝi estas ankoraŭ malgranda… Mi estas certa, ke ŝi estas ie ĉi tie apude, sed en mallumo ni ne povas trovi ŝin, – Marina ekspiris.



*ilustraĵo de Tatjana Ĥomjakova*

Dormi ŝi ne povis, turniĝis de flanko al flanko imagante terurajn bildojn: oni ŝtelis Bomka, forveturigis, sidigis je ĉeno; povran Bomka kaptis kruelaj hundokaptistoj, ĵetis ŝin en terura ejo kun hurlantaj pro timego hundoj; ŝi trafis sub aŭto… Marina ne detenis malbonajn pensojn, leviĝis kaj mallaŭte komencis vesti sin. Ŝi eliris al koridoro, prenis lanternon kaj prenis palton.

– Panjo, mi kun vi iros serĉi! – Marina turnis sin: antaŭ ŝi staris Miŝka jam vestinta sin kaj rigardis ŝin per petema rigardo, kontraŭ kiu ŝi neniam povas malcedi.

– Kial vi pensas, ke mi iras serĉi? – Marina provis fari severan vizaĝon.

– Mi konjektis… Mi ne dormis kaj aŭdis, ke vi leviĝis.

– Bone, vestu sin, skarpon ligu kaj prenu gantojn, estas malvarma.

En tiu fojo Miŝka eĉ ne kontraŭdiris pri skarpo. Ili eliris, mallaŭte fermis pordon. En strato ilin tuj atakis frosta aero, kiu estas en urbo nur dum nokto, kiam ellasantaj benzinan fiodoron aŭtoj haltis fine apud

rando de trotuaroj kaj trankviliĝis ĝis mateno.

Marina profunde enspiris tiun vigligan aeron, ĉirkaŭrigardis kaj demandis sin kaj filon:

– Kien ni iros?

– Ni ne estis en konstruejo! Tie post bazaro apud lernejo oni konstruas ion. Ĉu verŝajne ŝi estas tie?

– Mi ne volas nokte iri al konstruejo, mi timas, – Marina haltis.

– Sed mi estas kun vi! – Miŝka solide diris. – Ne timu, mi kaj miaj amikoj ofte tie estis, mi scias tie ĉiujn enirojn kaj elirojn!

– Ĉu gardisto ne ellasos nin? – Marina demandis, kiam ili jam estis apud konstruejo.

– Sed ĉi tie ne estas gardisto! – Miŝka diris certe.

Ili aliris al konstruatan domon. Estis io terura en tiuj nigraj aperturoj por fenestroj, kiuj rigardis per malplenaj okuloj al korto. Marina alpremis al ŝi filon kaj ree haltis.

– Panjo ne timu, ja ni devas trovi ŝin! – Miŝka diris.

Ili singardeme iris plu. Kaj kiam ili turnis sin post angulon de konstruata domo, ili ekaŭdis mallaŭtan hundan hurlon.

– Haltu, tiu estas Bomka! – Miŝka ekkriis. Ili haltis provante kompreni, de kie aperas sono.

– Al mi ŝajnas, ke ŝi estas tie, kie oni metis brikojn. Ni kuru!

Miŝka tiris panjon al si. Kiam ili alkuris al brika amaso, Bomka jam laŭte bojis. Marina lumis per lanterno, kaj ili tuj aperigis sian hundon, kiu kuŝiĝis en niĉo inter brikoj. Ekvidinte konatajn vizaĝojn hundido ĵetis sin al ili bojante kaj jelpante pro ĝojo. Miŝka kaptis ŝin kaj premis al si. Tremanta pro malvarmo Bomka lekis lian vizaĝon kaj provis atingi al Marina provante leki ankaŭ ŝi.

Marina sentis nekredeblan facilecon en sia animo. Ŝi ĝojis kiel infano. Ĉirkaŭpreninte filon kaj hundon, kiun Miŝka ŝovis sub vesto, Marina kun rideto pensis, ke nek aĝo, nek konstantaj problemoj kaj zorgoj ne forigis el ŝi bonkoran rilaton al ĉio viva, kaj la rilato vivis kun ŝi de plej frua infaneco.

notoj:

1. *Lana globeto sur ĉapo* – ruse tio soniĝis [bombonĉik], tiu vorto estas akorda kun nomo de hundo – Bomka.

2. *Ĉeburaŝka* – fama fabela heroo en Rusio.

3. *Charles Chaplin* – fama angla aktoro (1889-1977).

*Esperantigis*



**Igorj Ĥomjakov**

**(Rusujo)**

## Gratulaj vortoj el niaj legantoj:

Somere de 1990 burĝonis en la ĉina Esperantujo trikolora floreto — PENSEO. Ŝi aspektis tre malforta, modesta, eĉ iom timida, tamen vidigis okulfrapan beletran stilon kaj grandan ambicion por kontribui al E-kulturo. Dank' al la diligenta kultivado de sinoferaj, persistaj kaj kompetentaj ĝardenistoj ŝi plene kreskis kaj fariĝis elstara beletra E-revuo. Oni honorigis ŝin per la premio Grabowski.

Kiel fidela leganto mi sekvis ĉiujn ŝiajn paŝojn en la pasintaj 26 jaroj kaj multe profitis de ŝi. Ĉe ŝia jubileo mi adresas varman gratulon kaj sincere bondeziras al ŝi **P**rosperon, **E**ternecon kaj **N**oblecon en la venontaj jaroj.

(Li Yuping)

Penseo pompa
ekfloras tricentfoje
buked' aroma!

(Ardo)

# Trapasado sur la kruta vojo

## — Mirinda Sukceso kaj Esplorindaĵo de Ĉinesko



**ZHOU Liuxi (Licius) (Ĉinujo)**

Profesoro de Pekina Instruisto-Universitato

(speciale verkita por la 300a numero de *Penseo*)

Ĉinesko, kiel nova perlo en esperanta literaturo, nun pli malpli jam sciiĝas je la esperantistaro. Estas, tamen, necese por ni pli vaste diskonigi ĝin por ĝia plena funkciado en nia movado kaj internacia kultura interfluo.

### Retrospektivo

Kiel ĝenerale konita, ĉinesko (aŭ ĉinstila poezio rigidsenca) estis kreita unue en la 70-aj jaroj de la 20-a jarcento, sub la inspirado kaj ekscitado de japanesko (ĉefe hajko). Samideano Hu Guozhu, mia malnova amiko, eldonis sian libron *Esperanta Metriko* (nova versio) en 1984 (kaj li donacis ekzempleron al mi en 1985). Tiu libro prezentis, interalie, fiksformajn poemojn de 17 specoj, en kiuj troviĝis japaneskaj hajko, tankao kaj utao; itala stornelo; persa robajo; kaj ĉineska *Sopir-al-Sudo* (*Yi-Jiangnan*, kun unuaj specimenoj provitaj de Guozhu mem, enmetante 27 esperantajn silabojn en skemon de ĉina poemo kun 27 sinogramoj — je 1:1 silaba korespondeco). Kelkaj poemoj de li en aliaj ĉineskaj formoj aperis ankaŭ en *La Mondo* (Pekino,1990/5). Lia iniciato estis sekvita de pluraj esperantistaj poetoj ĉinaj kaj ne-ĉinaj.

Mi ne multe verkas ĉi-rilate. Mia kompono inkludas poemgrupon *Storneloj* — Florkantoj de Amo (*La Verda Spiko*, 1990/1; *El Popola Ĉinio*, 1998/4; enprenitaj en Zhou, 2002:179-180) kaj ĉineskojn laŭ *Tiaoxiao-ling* kaj *Xijiang-yue* (ambaŭ aperis en *Penseo*, 290 [2015] dank' al la aprobo de s-ro Vejdo). La poemo laŭ *Tiaoxiao-ling* pri la beleco de ĉinesko estas fakte parto de miaj gratulaj vortoj al la forumo pri ĉinesko kadre de la 7a tutlanda Esperanto-kongreso de Ĉinio (2007), kiam Guozhu kaj Vejdo ambaŭ prezentis sian tezon detalan pri ĉinesko. Lastjare en mia longa tezo «Interlingvistiko en la nova jarcento» (Zhou, 2015), mi aparte traktis la aperon de ĉinesko kaj la eldonon de *Penseo* (ĉefa portilo de ĉineskaj poemoj). — En Ĉinio, Guozhu, Sceto, Vejdo kaj Lu Jixin, inter aliaj, faris gravan kontribuon al la evoluo de ĉinesko. Mia tezo aperos parte ankaŭ en *IPI* (*Informilo por Interlingvistoj*) ĉi-jare. Lastatempe mi diskutis problemojn de ĉinesko kun Vejdo. Tiu ĉi artikolo estas pli konkreta trakto de la diskutita afero.

# Hajko kaj ĝia Influo

Hajko estas reprezentanto de japana poezio. Macuo Baŝoo (1644-1694), la plej fama poeto de hajko, lasis multe da belaj pecoj. Ekzemple, li kantis pri ĉeŝtona monaĥejo: 閑さや/岩にしみ入る/蟬の声(signifanta: Kvieteco, ha!/ En ŝtonon enfiltriĝas / ĉirp' de cikadoj). Kiel tradicia hajko, lia poemo ne rimas. Kiam oni volas konduki hajkon al la mondo, Baŝoo estas nature unu el la poetoj elektitaj.

S-ro Hirotaka Masaaki, hajkisto kaj fakulo pri esperanta poezio en Japanio (al kiu mi ŝuldas multe da scio pri la fruaj esperantaj kajkoj, pere de samideano Sawaya Yûiti), traserĉis 6 volumojn de la fotopresita *Literatura Mondo* (1922-1949) kaj ankaŭ preskaŭ ĉiujn numerojn de *La Revuo Orienta* (1920-1940), kaj trovis jenajn tri faktojn. (Vidu Hirotaka 2016.)

(1) La unua traduka esperanta verko estis, farita de Koizumi Kijoi (Itoo Saburoo, 1902-1969), 4 hajkoj de Baŝoo kaj Issa (*Revuo Orienta*, 1930, aprila numero). Unu hajko de Baŝoo:

枯枝に/ からすのとまりけり/ 秋の暮

estis tradukita kiel:

Ĉe nuda branĉo/ la korvo venis nun,---| Ho, fino de aŭtun'!|

t.e. in formo 5a,6b,6b (Arabaj numeroj signifas nombron da silaboj; / signifas finon de verso sen rimo; latina literoj signifas rimojn; | signifas lokon de rimo, kaj ankaŭ finon de verso). En la traduko de alia hajko, Koizumi uzis kvar versojn. Ĉio tio montras, ke li ne havis difinitan ideon pri fiksita formo por hajko en Esperanto. [Rimarko: Itoo poste publikigis libron *Verda Parnaso --- Originalaj kaj Tradukitaj Poemoj* (JEI,1932), en kiu estas 12 hajkoj tradukitaj; tamen inter la originalaj poemoj ne estas hajko.]

(2) En 1931, Kálmán Kalocsay (1891-1976) publikigis 9 hajkojn esperantigitajn far li de 6 japanaj hajkistoj en sia libro *Eterna Bukedo*. Unu hajko de Baŝoo:

古池や/ 蛙飛びこむ/ 水の音

estis tradukita kiel:

Lag' forlasita,| Kaj muta. Plaŭd', Ensaltis/ Rano subita.|

Ĉi tie Kalocsay provis uzi fiksan formon esperantan en la traduko; la skemo estas 5a,7b,5a.

En 1933 Gaston Waringhien (1901-1991) prezentis 6 esperantigitajn hajkojn de japanaj poetoj (*Literatura Mondo*, decembra numero). Ankaŭ li prenis la skemon 5a,7b,5a en la traduko. Dank' al la granda influo de Kalocsay kaj Waringhien en esperanta literaturo, tiu skemo estis vaste imitita de sekvantaj esperantistoj.

(3) En 1934 la japana esperantistino Tada Cuja (1902-1992) publikigis en *La Revuo Orienta* (maja numero) sub la titolo «Printempo» 5 hajkojn verkitajn japane kaj tradukitajn esperante, ambaŭ de si mem (kiuj estas alt-kvalitaj kun sezonvorto montranta temon kaj per teknika "tranĉo" por teksta kohereco kaj pensosalta efiko). Jen unu el ili en Esperanto:

Printemp'valoro!| Min ĉirkaŭas en ĝarden'/ herba odoro.|

En 1936, la esperantista poeto Ŝirouĉi Ĉuuiĉiroo (1905-1985) publikigis sian verkon, grupon da 9 pecoj de «Deksepoj» (hajkoj) en *La Revuo Orienta* (novembra numero). El ili Hirotaka mencias la pecon Apud Tojohai; tamen mi pli ŝatas Renkonte al Monto Fuji (p.19):

Jen elnubiĝis| Via somer-neĝa ŝal',/ Mi trankviliĝis.|

[La revuo estas rezervita en Österreichische Nationalbibliochek. Mi dankas amikon Sawaya

Yûiti, kiu liveris al mi ĉi tiun materialon elektronikan.] La "deksepoj" de Ŝirouĉi rimas, same per skemo 5a,7b,5a. Do, Ŝirouĉi estas la unua poeto, kiu verkis originalajn hajkojn en Esperanto. (Kompreneble, iasence ankaŭ Tada meritas tiun nomon, ĉar ĉiuokaze la poemoj esperantigitaj de ŝi estas de ŝia propra kreado originala.)

Post la dua mondmilito, estis novaj hajkaj verkoj. G. E. Maura (plumnomo de Waringhien) publikigis 13 pecojn de "japaneskaj" poemoj (hajkoj) en la *Nica Literatura Revuo* (N-ro 5/4 [1960]: 134-135). Li klare diris, ke kvankam Kalocsay kaj Waringhien interpretis la hajkon per tri jambinaj versoj, li volis provi pli rafinitan ritmon — fari la mezan verson kiel katalektan kvartrokeon. Krom tiuj 13 pecoj, li aldonis aliajn 7 pecojn en sia libro *Duonvoĉe* (1963, dua eldono); do sume estis 20 hajkoj originalaj de li. Estas rimarkinde, ke hajko estis enkondukita al Eŭropo ne malfrue ol la unuaj jaroj de la 20a jarcento. Ĉirkaŭ ĝi kaj veninta orienta literaturo larĝsenca, estis vasta historia fono de poezia transiro de romantikismo al modernismo (Zhao, 2013:170-238), en kiu japana kaj ĉina poezio donis grandan influon (ju pli poste, des pli gravan rolon ludis ĉina poezio). Ek de la komenco, hajko (kun unika simpla formo) estis imitita de poetoj, ekz., franco P. L. Couchoud kaj usono Esra Pound (gvidanto de modernisma poezio, tiam loĝanta en Londono [Zhao 2013:81-83] ). Kalocsay kaj Waringhien nepre sciiĝis pri hajko ĉefe pere de eŭropaj lingvoj, kaj ili faris esperantan hajkan tradukon aŭ verkadon surbaze de sia studo de la materialoj ĉefe el tiuj lingvoj. (Mi ne nuligas la eblecon, ke Kalocsay havis japanlingvan scion kaj Waringhien en malfrua tempo sciiĝis pri la hajkaj verkoj de japanaj esperantistoj.) Ĉiuokaze, ili, kun japanaj esperantistoj, kune faris kontribuon al la frua starigo kaj diskonigo de esperanta hajko.

La originalaj poemoj de Miyamoto Masao (inkluzive hajkoj kaj utaoj) estis resumitaj en *Invit' al Japanesko* (Stafeto, 1971). En 1967 Miyamoto kaj kelkaj japanaj esperantistoj fondis la Hajkistan Klubon, por verki kaj traduki hajkon. Ili produktis, dum 1967-1981, du librojn de japanaj hajkoj tradukitaj esperanten (inkluzive la *Hajka Antologio*, Kioto, 1981) kaj ses librojn de originaloj. Preskaŭ ĉiuj japanaj hajkoj en la *Esperanta Antologio*: *Poemoj 1887-1981* (Dua eldono,UEA,1984) estas elektitaj de la verkoj de la klubanoj. Armand Su, ĉina poeto, havas 8 hajkojn en la *Antologio.* En la libro de Kalocsay, *Tutmonda Sonoro* (1981), estas hajkoj tradukitaj. Edwin de Cock publikigis en 1982 kolekton de *Japaneskoj*, 85 poemoj (66 novaj) de 6 poeziaj specoj (Vidu Sutton, 2008:345).

## Ĉinesko: Interesa kaj Malfacila Afero

Estis de Kock, kiu unue uzis la nomon "ĉinesko" por indiki ian ĉinstilan poemon, kiam li verkis poemon en stilo de *5-sinograma verskvaro* (ĉina kantpoemo malnova imitinta Hsu Kan [Xu Gan]) en sia libro *Saluton al la Suno* (1983):

De kiam vi, sinjor', foriris,/ lantnube trajtigis vizaĝoj;|
Kaj flirtas, oldaj kvazaŭ koro,/ komodspegule albumpaĝoj.|

Li diris: "Nin influu, post la grandaj Japanoj, nun ankaŭ la grandaj Ĉinoj!" (Vidu Guozhu, 2007.) Oni ne donu tro altan atenton al la nuanco de lia termino; fakte lia voko estas, konscie aŭ nekonscie, resonado al la ĉina influo en modernisma poezio (vidu supre, pri ĝia historia fono; kaj sube, pri Hammond). Li uzis kvarjambinon (9 silabojn en ĉiu verso) por imiti la *5-sinograman verskvaron*, kiu, same kiel 7-sinograma verskvaro, 5-sinograma versoko kaj 7-sinograma versoko,

eble plus 6-sinograma verskvaro, apartenas al normalaj formoj de ordinaraj poemoj en mez-epoka [kaj post-tempa] Ĉinio. Do, larĝsence, ĝi estas speco de ĉineskaj poemoj. Kompreneble, ĉiuj tiuj formoj supre ne estas tiel sintakse flekseblaj kiel "cioj" (novaj kantpoemoj), kiuj, ekestiĝintaj en meza Tang-dinastio, aparte floris en la song-dinastio (kaj ankoraŭ uzataj poste), kvankam fiksformaj kun pli rigidaj metroreguloj ol tiuj por la supre-menciitaj klasikaj poemoj normalaj! Ĉiuokaze, ekde Guozhu en la 1970-aj jaroj, pli kaj pli da esperantistaj poetoj, ĉinaj kaj ne-ĉinaj, komencis verki ĉineskojn, poemojn ciostilajn, inspiritaj de japaneskoj kaj la voko je de Cock. Ili volas plene ekspluati la pli riĉan variecon de ĉinesko; kaj ili kutime (subkomprenite) uzas tre rigidan regulon de 1:1 silabumo kiel en esperanta japanesko (nu, 1 esperanta silabo por 1 sinogramo). Ĉi tie, tamen, mi devas atentigi, ke tion farante oni spertas ion: kompono povas esti ĝojiga dispono; traduko vere estas zorgema konduko.

1. En ĉinesko vere ekzistas beleco. Esperanto havas trajtojn de fandaj (fleksiaj), aglutinaj kaj izolantaj lingvoj, ke ĝi povas potenciale esprimi ĉion flekseble per malmultaj vortoj aŭ silaboj. Tial, se oni lerte ekspluatas la potencialan oportunecon de nia lingvo kaj evitas ĝian maloportunecon, kompono povas esti ĝojiga dispono. Jen mia [neperfekta] originala ĉanto pri Beleco de Ĉinesko (vole kun malmulte da vortoj, ĉiu el kiuj ŝajne ludas forte kaj sone):

Kanti, kanti,| brile diamanti,| plene de animo|
per ĉineska rimo.| Miro, miro:| ĉanto en sopiro.|

Mi komponis (ne tradukis) ĉine apud tiu ĉi poemo preskaŭ la saman laŭ ĉi tiu melodio de *Tiaoxiao-ling* (Zhou 2007:66); la postulo de la melodio estis plenumita ne tre malfacile. Tamen angle, oni renkontus ĉi tie grandan malhelpon. Kvankam la angla lingvo estas simpla en gramatiko kaj kun multe da unu-silabaj vortoj, en kelkaj aspektoj ĝi ankoraŭ ne estas fleksebla. Ekz. esperante, diamanti (kvankam tre nova en formo) povas esti komprenebla; kaj ni povas ankaŭ flekseble diri: Kante, kante, brili diamante. Sed angle, la substantivo 'diamond' tute ne povas tuj turniĝi en verbon; kaj oni ordinare ne uzas 'diamondly' adverbe. Eĉ se vi povus diri 'Singing, singing, / As a diamond twinkling', la 'kapsalta' lokŝanĝo inter sonoj, silaboj aŭ vortoj kiel miro postulita de rimo restas prekaŭ neniel imitebla angle; dum esperante, tia akto povas esti ludebla iom facile (Kp. Guozhu, 2007). En tiu ĉi du aferoj ni ŝuldas la fleksblecon al la sufiĉa riĉeco en esperanta morfologio. Cetere, oni povas uzi malsamajn ritmojn por diri jambe 'hotelen mi taksios', trokee 'mi taksie alhotelos', aŭ amfibrake 'mi iros taksie hotelen'(Sutton, 2008:578). Tia esperanta vortordo nerigida estas pli fleksebla ol tiu de la angla. Nature, la libera kaj trankvila dispono de nia lingvo dependas de diligenta praktiko kaj aktiva kreado, inkluzive arda kaj plezura verkado literatura.

Mi havis [duonan] komponon esperantan «Saluton al la Granda Okazo» laŭ *Xijiang-yue* ('*Sur-rivera Luno*') por gratuli la 30-jaran datrevenon de fondiĝo de la Guangdong-a E-Asocio, post kiam mi havis veter-malhelpitan flugadon de Beijing al Guangzhou por partopreni en la celebra kunveno (la ĉina versio estis farita dum la flugado:华北皑皑白雪，岭南灿灿朱阳。前程万里即迟航，终是豪情激荡。承业卅年繁叶，稻乡九域飘香。绿星旗指创辉煌，播洒全球希望):

[1-a Versio] En la nordo kovras blanka neĝo; /en la sudo brilas ruĝa suno.| Brave mi nun flugas trans maloportuno| per facila vent' kun koro juna.|| Tridek-jare vi, sub stelo l' verda,/ la aferon samidea l'kuno| tre pompigas, kaj rikoltas en aŭtuno,| semas sur la ter' esperon nuna.|

[2-a Versio] En la nordo blanka neĝo kovras; /en la sudo ruĝa suno brilas.| Kiel aspirantoj

niam ni senilas: | brave soras mi per vent' facila.|| Tridek-jare samidea pompas/ la afer'; l' grajnar' odoron spiras| multe rikoltate. ---L' verda stel' stirilas;| sur la tero kreskos ĝerm' l'aspira.|

[3-a Versio] Norde blankas neĝo;/sude brilas suno.| Trans la maloportuno| flugas mi — l' kor' juna.|| Pompas tridek jaroj!/Fama l' laborkuno,| plu semas 'n stela nuno| por rikolt' aŭtuna!|

[4-a versio] Norde neĝo blankas;/ sude l' suno brilas.| Sor' mia ne senilas| nur per vent' facila.|| Pompas tridek jaroj;/ Vi, rikolte, iras.| La verda stel' stirilas;| ĝermos ter' l'aspira.|

La skemo de *Xijiang-yue* estas: 6a,6b|7b|6B||6c,6b|7b|6B| (B kaj b apartenas al sama rimgrupo kun tona varieco). Kiam mi rekomponis mian poemon esperante, unue mi faris la1-an kaj 2-an versiojn je 1:2 silaba korespondo, sed kun pli kurtaj versoj se eble (fakte, 6-sinogramaj 'frazetoj' turnitaj en versojn de 10 esperantaj silaboj kaj 7-sinogramaj 'frazetoj' turnitaj en versojn de 12 esperantaj silaboj). Kelkajn jarojn poste mi provis uzi pli rigidan silabecon de 1:1 en fari la 3-an kaj 4-an versiojn (iusence por testi la aplikeblecon de 1:1 korespondo). Komparante la paron de 1-a kaj 2-a versioj kun la paro de 3-a kaj 4-a versioj oni povas vidi, ke (1) ĉiuj versioj staras per si mem, ke ili povas esprimi enhave (i) mian flugon al la sudo (Guangzhou); (ii) la daŭra peno kaj granda atingo de la samideanoj tie; (iii) mia ŝato pri tio kaj nia espero pri Esperanto en la mondo. (2) Esprimante tion, versioj 1-a kaj 2-a (10-12 silaboj) liveras enhavon pli multan ol versioj 3-a kaj 4-a (6-7 silaboj). En la kurtaj versioj, pro manko de sufiĉa esprimspaco kaj ties malhelpo al rimo, mi nevole forlasis iujn sencojn, aŭ ŝanĝis iujn sencfokusojn. (3) Metrike, miaj 1-a kaj 2-a versioj povas apliki regulan trokeon; tamen en la 3-a kaj 4-a versioj mi ne povas strikte sekvi tiun ritman piedon en la tria kaj sepa verso (7-silabaj), verŝajne tolereble. (Laŭ mia impreso, tia limigo estas la ordinara situacio en ĉinesko kiam oni aplikas 1:1 silabecon.) ---Kompreneble temas pri duona verkado ĉi tie (Eĉ la 1-a kaj 2-a versioj jam perdas ion de la ĉina versio). Se mi ne duontradukus kaj duonrekomponus, sed pure komponus originale en Esperanto, la rezulto povus esti pli bona, eĉ se mi tenus 1:1 silabumon laŭ la melodio. Do, eblas vere krei ion per ĉinesko en originala verkado. Tamen, estas ankoraŭ malfacile por nia lingvo trakti ion en traduko ĉineske, se ni ĉiam aplikas la regulo de 1:1 silabeco.

Ni jam rikoltas sufiĉe multe en ĉinesko, kiel montras la ekzistantaj verkoj (poemoj, libraj kolektoj kaj tezoj, ekzemple de Guozhu, Vejdo kaj Lu Jixin, plus nia *Penseo*), kiujn mi iel menciis (Zhou, 2015:163-164). Pri tio mi ne plu multe diros ĉi tie. Mi diskutos tradukon iom detale.

2. <u>Traduko estas konkurso</u>. Traduko estas konduko de legantoj al nekonata lingvo; t.e. trakonduki ilin tra ia krutvojo al bela mondsfero. Tia konduko devas esti farita principe per facila lingvo por igi komprenadon. Tamen, se oni pensas, ke tio (aparte en literatura traduko/konduko) signifas ĉiam uzadon nur de ĉiutaga lingvo, oni ja eraras. Literatura lingvo bazas sin sur la ĉiutaga, ordinara lingvo; tamen literatura verko devas alporti estetikan valoron krom aliaj konsideroj, tial foje unikaj esprimoj estas necesaj (kvankam ili ne estas tro simplaj vortumoj). Kaj estas aliaj faktoroj... Kiamaniere oni disponu la lingvon, jen la problemo. Ĝuste ĉi tie troviĝas ĉiaj malfaciloj kaj bezonoj por decaj traktoj; kaj la tereno por konkursoj, kiuj ekzistas inter tradukisto kaj originala verkinto, inter tradukistoj, kaj inter lingvoj (pri ĉio tio devas esti apartaj tezoj). Ni iom konsideru la konkurson inter lingvoj (la ĉina, la angla kaj nia lingvo).

En la fruaj jaroj de la 20a jarcento, kiam japana kaj ĉina poezioj estis konigitaj al Eŭropo kaj Ameriko, pluraj poetoj tie imitis la stilojn orientajn. La pli kaj pli granda influo de ĉina poezio kun unikaj imagoj, ritmo kaj sintakso instigis paŭzan tendencon en traduko kaj kompono. Jam 50

jarojn antaŭ Guozhu, 60 jarojn antaŭ de Cock, la usona poetino Louise Hammond jam provis kaj rekomendis ĉineskan skemon (sennoman, sed faktan): ŝi aplikis rigidan 1:1 silabecon por traduki ĉinajn poemojn en la anglan! Jen ekzemplero: «Nesukcesa Vizito al Ermito», *kvin-sinograma verskvaro* de Jia Dao (poeto de Tang-dinastio). Laŭvorte ĝi iras jene：

松(pino\pine)下(sube\under)问(demandi\ask)童子(knabo\boy),/
言(diri\say)师(majstro\master)采(kolekti\collect)药(drogherbo\herb)去(iri\go); |
只(nur\only)在(esti\be)此(ĉi tiu\this)山(monto\hill)中(en\in), /
云(nubo\cloud)深(profunda\deep)不(ne\not)知(scii\know)处(loko\place)。|

La angla traduko de Louise Hammond iras:

"Gone to gather herbs"---/ So they say of you.|
But in cloud-girt hills/ What am I to do.|

Oni devas konfesi, ke Hammond volis prezenti al la okcidenta mondo la belecon (aŭ trajton) de klasikaj ĉinaj poemoj. Tamen en ŝia traduko tro multe en la originalo estas perdita. Kiel Zhao (2013:214) rimarkigas, tia traduko "egalas komponadon de alia poemo preninte la ĉinan titolon".

Mi pensas, ke ni povus havigi al ni pli bonan rezulton en la angla. Akceptante la defion de Hammond, mi retradukas la poemon jene:

By th' pine asked, the boy/ Says the master's gone|
Plucking herbs o' th' hill/ Cloud-whelmed, where knows none.|

Nu, en mia angla retraduko, mi rezervas pli multe da enhavo de la originala poemo, kaj la ritmo de mia traduko restas bona. Nun, ni turnu nin esperanten. Jen du versioj de mia traduko:

[Unua versio] Sub pin', pri l' majstro,/ Jen de l' knab' respond':| "Li serĉas herbojn/ Ie 'n nuba mont'."|

[Dua versio] "Kien la majstro?"/ Respond' de l' servant':| "Li serĉas herbojn/ Ie 'n nuba mont'."|

La unua versio estas pli bona ol la dua. En la unua versio, mi uzas jambon en neparaj versoj, kaj trokeon en paraj versoj. En la dua versio mi ne povas fari tion (cetere, la rimo ne estas perfekta). Tamen pro la limigo de versa longeco, mi perdas ion en la traduko en ambaŭ versioj (ekz., la fina verso devus esti pli emfaza: "en nuba mont', neniu scias kie"). Se mi volas pli "lojale" konduki [ekz. almenaŭ] la leksikan sencon de la originala poemo, mi devus fari jene:

[Tria versio] Sub pin' demande, / "Majstro？ " L' knab' diras,| "Herbas nub-monte, / nie mi scias."|

[Kvara versio] Mi sub pin' demandas pri la majstro,/ "Li foriras," de l' knab' jen respond',| "serĉi herbojn, sed neniu scias/ kie, en profunda nub' sur mont'. "|

[Kvina versio] Sub pin' mi demandas pri la majstro,/ "Li foriras," montras knab' responde, | "serĉi herbojn, sed neniu scias/ kie, en profunda nub' ĉi-monte. "|

En la lastaj du versioj, la regulo por silaba korespondo estas 1:2, sed ne plu 1:1. Sekve, kun malpli forta manbindado, mi havas pli da libereco manipuli kaj transdoni la sencon de la originala teksto. Alivorte, tion farante oni povas havigi pli naturan tekston por la traduko. Konkrete, mi establas fundlinion de 10 esperantaj silaboj por 5 sinogramoj; tamen, se eble, mi ne tuŝas tiun fundlinion ('danĝeran', ĉar longa verso estas kutime nebonvena). La kvara versio uzas kvintrokeon por la verso sen rimo; kaj en la verso rima perdiĝas la fina silabo senakcenta, el tio (9 silaboj) rezultas la vira rimo. Tiu ĉi skemo (kunmetanta versojn de neakcenta kaj akcenta finsilaboj) estas unu el miaj plej favoraj (sekve rekomendindaj) formoj. Mia kvina versio uzas inan rimon (en plena kvintrokeo), kio estas ankaŭ utila.

Nun ni revenu al la poemo far de Cock, en kiu li uzas 9 silabojn por 5 sinogramoj. Tio havas relative altan koincidecon kun mia ideo, kvankam mi ne sciis lian poemon antaŭe. Ni povas diri, ke klare aŭ ne klare, li tenas silabecon 1:2. Lia metro estas kvinjambino (5 piedoj kun la fina akcentsilabo manka) tra la tuta poemo, kun ina rimo. Pri tiu detalo mi havas plian diskuton (vidu sube).

3. <u>Esperanta ĉinesko inspiras novan trakton en angla traduko</u>. Mi sciis esperantan ĉineskon de 1:1 silabeco pli frue ol la sama proponita trakto en angla poezio (traduko kaj verkado de modernismaj poetoj). Kaj pli antaŭe, en praktiko, mi havis, konscie aŭ nekonscie, ĉineskan inklinon en miaj angla kaj esperanta traduko aŭ kompano (ekz. Zhou 2002:43,46,55,64,66,131, 168). Lasttempe mi helpis japanan amikon modifi esperantan tradukon de ĉinstilaj poemoj far japanoj. Foje 7-sinogramaj versoj estis tradukitaj de li en 15-18 silabojn; kaj mi sukcese penis modifi tion en 13 aŭ eĉ 12 silabojn. Tio fortigas mian fidon, ke ni povas uzi nelongajn versojn esperante (kaj eble angle). En ĉineskaj esperantaj poemoj oni strikte imitas ĉinajn "poemfrazetojn"(normale ne longajn), el tio rezultas, ke oni inkline apenaŭ uzas esperantajn versojn longajn aktuale. Koncerne anglan tradukon de ĉinajn poemojn klasikstilajn, la ĉefa tendenco estas tamen la ofta uzo de longaj versoj, kiu igas prozecajn esprimmanierojn. Ni devas eviti tion.

Kiel dirite supre, la esperanta ĉinesko (1:1 silabe) estas farebla kaj valora; tamen se ni iras al ekstremo, ĉiam adoptante nur tiun plej rigidan regulon, ni foje fiaskos pro neglekto de iu malfortaĵo de nia lingvo. Ekzemple, en Esperanto ne estas akcenta unu-silaba verbo, nek unu-silaba substantivo plurala! Jen vera senelirejo por ni de tempo al tempo. En *La Marseillaise*, *L' Internationale*, kaj *Marŝo de la Volontuloj* (nun nacia himno de la Ĉina Popola Respubliko) la unua frazo estas dusilaba verbo kiel batalvoko kun fina silabo akcenta — do, tre forta; tio estas *allons*, *debout* (en la franca) kaj *qilai* (en la ĉina) kaj *advance*, *arise* (en la anglaj tradukoj); tamen en Esperanto oni devas (kaj nur povas) toleri la relative iom malfortan trisilaban verbon (*leviĝu*) kaj adverbon (*antaŭen*) kun neakcenta silabo ĉe la fino (aŭ la anstataŭan substantivon *leviĝ'* kun forigita finaĵo -o [eĉ se substantivo ne havus nuancon de forta movo]).

Mia amiko iam tradukis poemeton de Mao Zedong laŭ "Dekseso"(*Shiliuzi-ling*, kun skemo 1a,7a,3b,5a), jene：

Mont'| kiel ruliĝanta ond',| impetus/ en batala rond'.|

Laŭsence li almenaŭ devus esti dirinta: "Montoj| kiel ruliĝantaj ondoj,| impetus/ en batalaj rondoj.|" Tamen, pro la postulo de la regulo 1:1, la unua vorto dusilaba *montoj* jam estis forlasita. Sed la unueca *mont'* sola tute ne povas funkcii kvazaŭ marondoj! — Tio en la traduko ne venas de lia malfortaĵo; ĝi venas de manko kaŭzita de la regulo (eĉ de nia lingvo). En verkado kun pli da disponebleco oni povas eviti tian mankon; tamen en zorgema traduko, ofte manbindita, oni ne povas ĉiam eviti tion. Male, se ni adoptas regulon ne tiom rigidan (kun 'manoj iel malforte ĉenitaj'), ni povas veni al iom pli bona rezulto. Jen mia angla traduko de tiu poemeto (kun 1:2 silabeco):

Hills| Billow as th' ocean that tumbles and swills|
Like horses myriad/ Running fast in fight that thrills.|

Laŭ la proporcio 1:2, la ĉina skemo 1a, 7a, 3b, 5a fariĝas esperanta 2a, 14a, 6b, 10a. La fina rezulto en mia traduko estas 1a, 10a, 5b, 7a, kun aktuala proporcio malalta ol 1:2; alivorte, mi sukcesas fari mallongajn versojn, ĉar mi vole kaj konscie tenas distancon fore de la fundlinio de la regulo.

Do, jam atestiĝas, per mia sperto en esperanta kaj angla verkado aŭ traduko de klasikstilaj poemoj far antikvuloj kaj Mao Zedong, ke oni povas adopti ian rigidan skemon ĉineskan laŭ bezono kaj ebleco. Vere, ĝi estas kopiebla, eĉ laŭ 1:1 silabeco. Estas tre lertaj poetoj kiel Cindy Mckee, kiu tiel ĉineskas en verkado kaj traduko esperante aŭ angle. Sed mi ne volus iri ĉiam sur plej kruta vojo, kie oni ofte "reviviĝus post naŭ mortoj". Lastatempe en mia angla traduko de poemoj far Mao Zedong, mi klare formas metodan principon por laboro. Ĝenerale, tio celas perfektan kombinadon de ĉina rimskemo kun angla versritmo. Konkrete, (1) Strikte sekvi la rimskemojn de fiksformaj ĉinaj poemoj; se en iu formo estas nur unu rimo tra la tuta poemo, tio devas esti sekvita, kvankam ĝi estas rara en angla poezio. (2) Laŭoportune uzi viran aŭ inan rimon por doni variecon. En la angla lingvo, vira rimo estas pli ordinara ol en Esperanto; sekve mia unua konsidero estas vira rimo; tamen ankaŭ ina rimo havas sian utilecon. (3) Uzi diversajn metroformojn kiel eble plej strikte. Tiurilate, en "shi"-versoj, t.e. relative samlongaj versoj, estas pli facile apliki jambon, trokeon, amfibrakon kaj daktilon laŭŝance; tamen tuj kiam iu metro estas elektita, ĝi estu uzita tra la tuta poemo [foje ĝi povas kombini sin kun alia metro (ekz. jambo en neparaj versoj kaj trokeo en paraj versoj, aŭ male]. (4) Establi 1:2 silabecon kiel fundlinion por decidi la verslongecon en la angla (kaj aliaj hindeŭropaj lingvoj), tamen kun peno uzi pli mallongajn versojn. Ekz. Por 5-sinograma "frazeto", oni uzu maksimume 10 silabojn, kaj pli bone 7-9 silabojn; por 7-sinograma "frazeto", oni uzu maksimume 14 silabojn, kaj pli bone 9-13 silabojn; por 3-sinograma "frazeto" oni uzu maksimume 6 silabojn (pli bone 5 silabojn); por 6-sinograma "frazeto" oni uzu maksimume 12 silabojn, pli bone 9-10 silabojn. (5) Rilate kun (2) kaj (3), mi forte rekomendas, ke laŭoportune oni preferu inajn piedojn en nerimaj versoj kaj virajn piedojn en rimversoj. Se el tio rezultos, ke rimversoj kaj senrimversoj estiĝas malsamaj je duona piedo (unu neakcenta silabo), tio ne gravas, ĉar tiu malsameco povas signali rimecon aŭ nerimecon (do ne tute sensignife). Nature, ni ne bezonas plene eviti aliajn formojn, ekz. 9 silabojn por ĉiuj kvar versoj, aŭ akcentan finsilabon en nerima verso. [Por la supre-dirita, kp. Zhou (2016). ]

Mia angla traduko de «Militia women» (7-sinograma verskvaro) far Mao Zedong estas ekzemplero (Zhou 2016:54,56,57). Mi uzis sesjambon (12 silabojn en rimversoj kaj 13 silabojn en senrimverso) en la unua versio, dum sestrokeon en la dua versio (13 silabojn en ĉiuj 4 versoj). Komparu miajn tradukojn de la 5-sinograma poemo far Jia Dao (supre): en la angla traduko 'ĉineska', mi uzas tritrokeon katalekte (en ĉiu el la 4 versoj estas 5 silaboj); en 1a kvina esperanta versio troviĝas regula trokeo (kvinmetra, kun 10 silaboj en ĉiuj 4 versoj, kun ina rimo). Tamen en la kvara esperanta traduko mi uzas katalektan kvintrokeon (10 silabojn sen rimo, 9 silabojn kun rimo [celite vira!); kaj en la unua esperanta versio troviĝas kunmeto de katalektaj trijambo (5 silaboj sen rimo) kaj tritrokeo (5 silaboj kun rimo), signifante variecon iusence. En mia traduko de cio-poemoj far Mao Zedong, pro la longaj kaj mallongaj versoj, pli da peno estas farita, kaj la trajtoj de cioj estas rivelitaj.[*ibid.*]

## Konkludo

Sume, esperanta ĉinesko puŝas kaj helpas min en mia klopodo doni pli perfektan anglan tradukon de la poemoj far Mao Zedong. Por paroli pri esperanta ĉinesko per si, ni ankoraŭ devas plu ekspluati ĝian belecon kaj teknikon. Mi volas emfazi, ke la kialo por enkonduki ĉineskon

esperanten estas ĉefe je ĝia pompa varieco — ĝi estas bela floro en la ĝardeno de esperanta poezio. Tamen esence ĝi estas malfacile farebla. Kiel Vejdo (2007) montras, ni dezirinde nun ĉefe prezentu kaj disvastigu dekkelkajn formojn, kiuj estas relative simplaj kaj manipuleblaj por internaciaj esperantistoj (aliaj formoj povas esti portempe uzataj de ĉinaj esperantistoj por pli bonaj estontaj ŝancoj). Vejdo estas tre lerta en ĉinesko kaj havas grandan meriton por tiu afero; tamen liaj vortoj estas de sobra menso. Oni devas vidi, ke el la 3 specoj de japaneskoj (ne komplikaj, nek malfacilaj), nur la plej simpla hajko estas iom popularigita ĝis nun en la esperanta rondo. Kaj la kelkaj eŭroplingvaj fiksaj formoj ankoraŭ ne estas plene kaj perfekte pozeditaj eĉ de eŭroplingvaj esperantistaj poetoj — por ne paroli, ke estas pluraj homoj kontraŭ tradicia metriko. Mi (Zhou 2015:164) opinias, ke se sume malpli ol 10 ĉineskaj formoj estos bone akceptitaj kaj manipulitaj internacie, nia celo por ĉinesko jam estos atingita. Ni daŭre laboru diligente por ĝia pli granda sukceso en la konstruado kaj disvolviĝo de esperanta kulturo, kaj en internacia kultura interfluo!

## Referencoj

Guozhu. 2007. Nova floro kun ĉina odoro. Tezo por la ĉinesko-forumo en la 7-a tutlanda E-kongreso en Ĉinio.

Hirotaka, Masaaki. 2016. La unua hajko en Esperanto. *La Movado* (6):4.

Sutton, Geoffrey. 2008 (red.). *Concise Encyclopedia of the Original Literature of Esperanto 1887-2007*. New York: Mondial.

Vejdo. 2007. La evoluo kaj perspektivo de ĉinesko. Tezo por la ĉinesko-forumo en la 7-a tutlanda E-kongreso en Ĉinio.

Zhao, Yiheng, *The Muse from Cathay*. Chengdu: Sichuan-a Eldonejo de Literaturo kaj Artoj.

Zhou, Liuxi. 2002. *Poemoj de Licius* (Dua kolekto). Hongkongo: Eldonejo de Ĉinoj.

Zhou, Liuxi. 2007. *Poemoj de Licius* (Tria kolekto). Hongkongo: Eldonejo de Ĉinoj.

Zhou, Liuxi. 2015. Interlingvistiko en la nova jarcento. En: *Elektitaj Tezoj por la Forumoj de Akademia Fronto* (red. Pekina Asocio de Lingvistiko). Beijing: Eldonejo de Pekina Universitato de Lingvoj kaj Kulturoj.

Zhou, Liuxi. 2016. The Translation of Mao Zedong Poems: Quest for More Perfection, *Contemporary Foreign Languages Studies* (4):51-61.

de *Eder Benedetti (Brazilo)*

_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_

Eldonas Redakcio de ***Penseo***
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: No.-3-2 de la 5-a etaĝdomo
de No. 19, St. Wujiang, Jiangbei-Distrikto,
Chongqing, 400023, Ĉinio
Tel: (023) 67095890 (hejme)
Retadreso: vejdo@163.com
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.
Por legi pasintajn numerojn de Penseo, vin turnu al www.elerno.cn/penlisto.htm

_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊